ĉiu revuo 8 € - 6 numeroj jare - majo 2010 (1) - n-ro 20
ISSN (papere): 1647-6980

# La Karavelo

*internacia kultura magazino en esperanto*



## Ana Fragoso
## intervjuita de LK

**Filino de Estremozo, ŝi estis en feb. 2010 la ludamikino de la revuo Playboy en Portugalio.**

**(português / esperanto)**

# La Karavelo

Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo

Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007



Unua kovrilkapo de La Karavelo

## Enhavtabelo







La Karavelo
esperanto-eldonejo


***Adreso***
La Karavelo
Dr. João José Santos
Fonte Velha, caixa 3003
7100-078 Estremoz – Portugal

***Telefono*** (+351) 268 919 000
***Telefono*** (+351) 218 127 801
***Fakso*** (+351) 218 127 801
***PoŝTel.*** (+351) 960 131 515

**lakaravelo@gmail.com**
**www.lakaravelo.com**



**ISSN (papera):** 1647-6980
**ISSN (DVD):** 1647-6999
**ISSN (reta):** 1647-3353

**Leĝa Depono en "Biblioteca Nacional de Portugal"**
301472/09

**La Karavelo aperas**
ses-foje jare en PDF - senpage
ses-foje jare en revuoj – ĉiu: 8 €
unu-foje jare en DVD – DVD: 16 €





### Konstantaj Kunlaborantoj

***Konstantaj verkistoj...***
Djalma Pessata (Brazilo)
Eduardo Novembro (Portugalio)
Edward Jaśkiewicz (Pollando)
Geraldo Mattos (Brazilo)
Gerrit Berveling (Nederlando)
Imre Szabó (Hungario)
João José Santos (Portugalio)
Leo De Cooman (Belgio)
Luiza Carol (Israelo)
Nikolaj Neĉaev (Rusio)
Paulo Sérgio Viana (Brazilo)
Roberto Ribeiro (Brazilo)
Roger Gotardi (Brazilo)
Tibor J. Szabadi (Hungario)
Valentin Melnikov (Rusio)

***Revizias***
Kurt Fischer (Germanio)
Luiza Carol (Israelo)
(pri La Barko, k.a.)
Roger Gotardi (Brazilo)
Túlio Flores (Brazilo)
Valentin Melnikov (Rusio)

***Informadika helpo***
José Mendes (Portugalio)

***Direktas, redaktas, kompostas***
João José Santos (Portugalio)

***Fondita de*** João José Santos
(Portugalio – okt. 2007)



Ekzemplo de papera versio

# Magazino *La Karavelo*

**Lingvo: esperanto**
**Papera versio:**
Ses A4-numeroj ĉiujare,
tute koloraj, ĉiu kun 24 paĝoj.
Prezo de ĉiu ekzemplero:
8 € + sendokostoj
Jara abono: 48 €
**sendokostoj: LK donacas la sendokostojn**



Ekzemplo de DVD-versio

**PDF-versio:**
Legado per komputilo
post elŝuto el www.lakaravelo.com
Prezo: senpaga

**DVD-versio:**
Ĉiuj pdf-numeroj, de la unua ĝis la lasta, plus provversioj de aliaj LK-varoj en unu DVD.
Prezo: 18 € + sendokostoj
**sendokostoj: al Portugalio 3€ - al E. U. 4€ - al aliaj landoj: 5€**


Antikvaj numeroj en tri volumoj

**Antikvaj numeroj:**
Volumo 1 – n-ro 1 ĝis 6
Volumo 2 – n-ro 7 ĝis 12
Volumo 3 – n-ro 13 ĝis 19
La volumoj estas en formato iom malpli granda ol A4, kun kovriloj koloraj, griza enhavo, tre ilustritaj.
Prezo de ĉiu volumo: 23 € + sendokostoj.
**sendokostoj: al Portugalio 3€ - al E. U. 6€ - al aliaj landoj: 8€**
Rabatita prezo por la tri volumoj: 59 € + sendokostoj.
**sendokostoj: al Portugalio 9€ - al E. U. 18€ - al aliaj landoj: 24€**

# *Liberaj tempoj* de Eduardo Novembro



Kovrilo de la verko *Liberaj tempoj*

"Iu 'tok-tok... tok-tok...' vekas en li nostalgion pri sia preskaŭ forgesita vilaĝeto, kaj li ne bezonas sin turni por antaŭsenti tion, kio elmontriĝos el la nokta ombro: azeno! Azeno trenanta ŝarĝveturilon ekipitan per pneŭmatikaj silentradoj — kontrasto de antikvo kaj moderno — sed la besta 'tok-tok' estas nedubeble karakteriza. "Azeno!!!...", rava sopiro lia. Depost sia enmigrado en la Grandurbon, serĉe de pli bona vivtenado, li ne plu estis vidinta tiom noblan besteton."

*el la 1-a ĉapitro*

rakonto 124-paĝa A5-formata
prefacis Luiza Carol k.a.
reviziis António da Silva Almeida k.a.

**16 € + sendokostoj**

**sendokostoj**
al Portugalio: 3€
al E. U.: 4€
al aliaj landoj: 5€



Postkovrilo de *Liberaj tempoj*

---

AĈETU LA LK-VAROJN EN VIA ESPERANTO-ASOCIO
SE TIO NE EBLAS, AĈETU REKTE AL LA KARAVELO

**lakaravelo@gmail.com**

PRENU LA LK-KATALOGON EN

**www.lakaravelo.com**



João José Santos
joaojosesantos@gmail.com

# La Karavelo 20

## la sama ŝipo en pli vastaj maroj

### TIMIDA APOGO DE LA ESTREMOZA URBODOMO

Post la lasta politika loka balotado, la urbodomo de Estremozo ekhavis novan registaron. Do, la LK-direktisto devis interparoli kun la nova estremoza kulturestro, kiu apogis la eldonadon de la tria jara volumo de La Karavelo. Lia decido daŭrigi la apogon komenciĝintan en la antaŭa registaro sin bazis sur la efektiva laboro de La Karavelo en la disvastigado de la nomo, eventoj kaj kulturo de Estremozo tra la mondo pere de esperanto.

En la lasta administrado, la direktisto de La Karavelo pritraktis la aferojn rekte kun la prezidanto de la urbodomo. Ĉi tiu prezidanto delegas al la kulturestro la kulturajn aferojn, bone, sed ĉi tiu ne estas facile kontaktebla, ne persone, ne telefone, kaj ne retmesaĝe.

Post kvin monatoj de provoj, ke la nuna kulturestro aprobu la subtenon al la 20-a numero de La Karavelo, en kiuj lia sekretariino jen menciis lian aprobon jen lian malaprobon al ĉi tiu numero; finfine ŝajnas ke la kulturestro ne aprobas la kovrilon... Iel kaj ial, bela ino sur la LK-kovrilo tro perturbas lin. La direktisto de La Karavelo jam sciigis tiun sinjoron, ke La Karavelo ne estas la revuo *Playboy*, sed ĝi sammaniere ne estas la paroka revuo. Post tiu retmesaĝo, en kiu la direktisto de La Karavelo proponis aliajn manierojn subteni ĉi tiun revuon, klopodante negoci la aferojn, la kulturestro respondis... nenion. Nu, la batalo estas tre malproksime de la fino.

### KIU LEGAS LA KARAVELON?

Oni ĉi tiel povas resumi la situacion: multaj legas, malmultaj aĉetas.

Nuntempe la homoj estas alkutimiĝintaj legi librojn kaj revuojn senpage en la reto. Kelkaj fakte ne povas pagi, kaj por tiuj La Karavelo ĝentile disponebliĝas senpage en la reto. Tamen, aliaj povus aboni nian revuon, sed ne multaj faras tion. Kiel vendi pli da ekzempleroj de La Karavelo? Oni devas doni al ili pli da motivoj aĉeti nian magazinon.

Tre ofte kruciĝas kun la redaktisto de LK, en la babilejo de Lernu kaj aliloke, esperantistoj kiuj legas La Karavelon en PDF. Kompreneble tio ĝojigas la LK-redaktiston, kiu tiel perceptas, ke nia revuo diskoniĝas tra la landoj, iom post iom.

Tamen, ili legas en PDF. Tio estas bona por la diskonado de LK, sed ne bona por la mona ekvilibro de ĉi tiu esperanto-editejo, kiu ne povas plu vivi nur per la memofero de sia fondinto.

Espereble, la ŝanĝoj menciataj en ĉi tiu ĉefartikolo multnombrigos niajn abonantojn kaj allogos al La Karavelo kelkajn anoncantojn.

### ŜANĜOJ EN NIA REVUO

Ĝis nun (2007-2009) nia revuo aperis 19-foje en du versioj: la pdf-versio donacita kaj elŝutebla el la LK-retejo, kaj la papera versio en jaraj volumoj, kiuj aperis 3-foje enhavantaj la 19 revuojn. Ekde la numero 20, nia revuo ne plu aperos kiel jara volumo, sed kiel sinsekva papera revuo, kiel ĝenerale okazas ĉe la aliaj magazinoj.

Ankaŭ la formato de nia revuo iom ŝanĝiĝis. Ĝi estis iom malpli granda ol la formato A4, sed ekde la numero 20 ĝi aperos en pura A4-grandeco.

Ĝis nun La Karavelo aperis kolora en la reto, sed blankenigra en la papera versio. Ekde la numero 20, LK aperos kun la samaj koloroj en ĉiuj siaj versioj. Ne, la karavelestro ne gajnis loterion, sed li plu strebas liveri al vi esperanto-kulturan revuon, kiu estu digna je nia lingvo. La nuntempa mondo estas grafike kaj kolore tre riĉa. Interreto kaj televido, revuoj kaj ĵurnaloj, ĉiuj konkurencas por doni al la publiko belaspektajn informilojn, kiuj kaptu la atenton de junuloj kaj de aliaj homoj. En

tia mondo oni vivas nuntempe, en tiu mondo do devas vivi La Karavelo. Tiel, per koloro, nia magazino pli efike kaptos la atenton de la neesperanta publiko, precipe de la junuloj, pli sukcese vendos anoncojn, kaj ankoraŭ pli bone, bele kaj taŭge servos la legantojn.

Pli detalaj ŝanĝetoj ne menciindas, ĉar vi, kara leganto, facile rimarkos ilin foliumante la revuon.

Nia revuo plu aperos 6-foje jare. La pdf-versio plu estos senpaga kaj sen printebleco. Ĉiu el la tri eldonitaj jaraj volumoj plu estas aĉeteblaj, kaj ekde nun ankaŭ la apartaj revuoj. Abono de nia magazino eblas ekde nun.

## PLEJ GRANDA ŜANĜO: TEMARA

La menciitaj ŝanĝoj estas grandaj, sed la plej granda kuŝas sur la speco de nia revuo.

### Kian revuon ni havis dum 19 numeroj?

Ekde sia unua numero, La Karavelo aperigis frazon, sur la kovrilkapo, kiu klare montris, kia revuo ĝi estis: *Beletra esperanto-revuo pri la portugallingva literaturo*. Ĝia fondinto, filologo pri la latina, helena kaj portugala lingvoj, kaj konscia pri la vasteco kaj fekundeco de la portugallingva literaturo, intencis tiam konigi tiujn valorajn verkojn al la esperanta publiko. Tamen, la sperto de pli ol du jaroj montris, ke (1) la nunaj esperanto-verkistoj, kiuj povus labori kompetente en ĉi tiu kampo estas malmultaj, kaj ili estas absorbitaj de multaj aliaj esperanto-laboroj; kaj (2) ŝajnas ke la esperanto-legantaro, kvankam bone ricevis kaj aprezis nian revuon, tamen ne tiom ŝatas beletron por elspezi monon por portugal-lingvece beletra revuo. Do, montriĝis la neceso fari ŝanĝojn ankaŭ pri la spececo de nia magazino, por larĝigi la nombron de verkistoj, kaj por larĝigi la nombron de eblaj abonantoj.

### Kian revuon ni havos ekde nun?

Ĉi tiu numero, la 20-a, jam aperigas alian frazon sur la kovrilkapo: *Internacia kultura magazino en esperanto*. Tiel La Karavelo larĝigas sian agadkampon al ĝenerale kulturaj aferoj kaj rezignas pri la ĉefeco de portugalbeletraj temoj. Do, iom post iom, la temoj varios, kaj dezirinde aperos aliaj verkistoj, fakaj pri aliaj kulturaj kampoj, kiuj povos diversigi la temojn de la artikoloj.

Kompreneble plu aperos poemoj, rakontoj, filologiaj studoj kaj similaj artikoloj. Tamen, dezirinde aperos verkistoj kompetentaj prezenti artikolojn pri DNA, klonado, historio, arkeologio, religio, politiko, hundoj, puloj, vampiroj kaj pri multaj aliaj temoj.

La centraj paĝoj okupiĝos ofte pri dosiero




De beletra revuo al ĝenerale kultura magazino

unutema. La unua, de ĉi tiu numero, estas dediĉita al ludamikino de la portugalia versio de la magazino *Playboy*. Beleco ĉiam karakterizis La Karavelon, kaj la redaktisto ne vidas motivon por eviti varmajn temojn. Bedaŭrinde la nuna kulturestro de Estremozo ne konsentas, sed li mem vivu kun sia problemo.

## JARA KOMPAKTA DISKO

Ekde 2010 inkluzive, LK eldonos jaran DVDn, kiu nomiĝos *La Karavela Disko 2010*. Tiu DVD enhavos ĉiujn LK-numerojn, la tiaman katalogon de LK, disvastigan materialon, pdf-versiojn, ktp.

## LA PREZO DE LA KARAVELO

Ne malmultkosta ĝi estas. La revuoj devas vivi el anoncoj, el vendoj kaj/aŭ el subtenoj. Anoncojn La Karavelo ekhavas, pri abonoj ekaperas kelkaj, kaj pri la plua subteno de la estremoza urbodomo, nun ĝi ne ekzistas. Ju pli da presaĵoj, des pli malalta estas la prezo de la revuoj. LK ne havas multajn abonantojn, ĉar la homoj legas ĝin en la reto, do senpage. Kiuj solvoj antaŭvideblis al la LK-direktisto? (1) Tute rezigni pri La Karavelo; (2) eldoni ĝin nur rete kaj senpage; (3) eldoni ĝin blankenigre kaj/aŭ en formato A5, rezignante pri vendo de anoncoj kaj eble pri abonoj; (4) eldoni ĝin en impresa formato A4, tute kolora, strebante vendi anoncojn kaj abonojn, kun prezabono, kiu ne estas malalta, sed kiu ankaŭ ne estas skandale alta, se oni konsideras la altan kvaliton de la revuo laŭ ĉiuj aspektoj.

La LK-direktisto elektis la lastan eblecon. La tempo diros, ĉu tiu estis la plej bona solvo.

Dankon al niaj verkistoj pro ilia talento kaj kunlaboremo, al niaj reviziistoj pro ilia zorgemo kaj atento, al niaj legantoj kaj al ĉiuj, kiuj iel helpas La Karavelon navigadi kaj eĉ bolini. Fakte, ne eblas stiri ĉi tiun velŝipon sen granda lerteco velumi kontraŭ la ventoj.





# Mesaĝo

**de Fernando Pesoo**

**João José Santos**

trad. el la portugala, didaktika noto

**TRIA PARTO**

**2**

**LA AVIZOJ**

**3-A**

(portugala originaĵo)

'Screvo meu livro à beira-mágoa.
Meu coração não tem que ter.
Tenho meus olhos quentes de água.
Só tu, Senhor, me dás viver.

Só te sentir e te pensar
Meus dias vácuos enche e doura.
Mas quando quererás voltar?
Quando é o Rei? Quando é a Hora?

Quando virás a ser o Cristo
De a quem morreu o falso Deus,
E a despertar do mal que existo
A Nova Terra e os Novos Céus?

Quando virás, ó Encoberto,
Sonho das eras português,
Tornar-me mais que o sopro incerto
De um grande anseio que Deus fez?

Ah, quando quererás, voltando,
Fazer minha esperança amor?
Da névoa e da saudade quando?
Quando, meu Sonho e meu Senhor?

(esperanta traduko)

Skribas mi libron ĉagrenborde.
Ne devas mia koro havi.
Miaj okuloj varmas akve.
Nur vi, Sinjor', min donas vivon.

Nur senti vin kaj vin pripensi
miajn vakuajn tagojn oras.
Kiam deziros vi reveni?
Kiam la Reĝo? Kiam l' Horo?

Kiam reestos vi la Kristo
de la perdintaj la falsDion,
kaj ekde malbon' je mi vekos
la Novajn Teron kaj Ĉielojn?

Kiam vi venos, Vualito!,
Rev' de l' eraoj portugala,
estigi min pli ol ajnblovo
de dezireg' de Di' farita?

Kiam deziros vi, revene,
fari esperon mian amo?
El la nebul' kaj saŭdad' kiam?
Kiam, Rev' mia kaj Sinjoro?

**DIDAKTIKA NOTO**

La esenco de poezio kuŝas sur du nepraj elementoj, sen kiuj oni malfacile povas klasifiki verkon kiel poemon: la ritmo kaj la origineco. La unua apartenas al la priforma strukturo de la poemo, la dua apartenas al ĝia interna strukturo. La ritmo donas al la teksto muzikecon faritan el vortoj, per la alternado de akcentaj kaj neakcentaj silaboj. La origineco konsistas el ĉiuj poemaj elementoj, kiuj mirigas, admirigas, revigas kaj ravas la leganton, transdonante al li specialajn sentojn kaj/aŭ pripensojn.

Ĉi tiu poemo origine obeas al la ritma strukturo 1:4:6:8, kaj al la rima skemo ABAB en ĉiu strofo. La traduko restigas la enhavon semantikan, la tropojn kaj la ritmon. Pri la rimo, ĝia konservado postulus perfidojn al la aliaj cititaj elementoj de la poemo, kaj do la tradukisto tute ne zorgis pri ĝi. Estus facile al la tradukisto restigi ĉiujn rimojn, perfidante la semantikan enhavon, la tropojn kaj/aŭ la ritmon de la poemo. Tamen, tia laboro videblus tre malbona al homo, kiu iom spertu pri poezio.

La komplekseco kaj ambigueco de la originaĵo postulas de la tradukisto la restadon de kelkaj semantikaj strukturoj, kiuj en esperanto ŝajnos tiel ambiguaj kiel en la portugala. Kelkaj esperantistoj, leginte la poemon, eble pensos, ke ĝi estis malbone tradukita, ĉar ĝi estas ambigua kaj kelkfoje ne klara. Tamen, tiun saman impreson havas la portugallingva leganto. Tamen, la tradukisto certas, ke kelkaj versoj estos pli facile kompreneblaj en esperanto ol en la portugala, eĉ se legataj de... portugallingvano.

Ĉu la traduko restis perfekta? Ne. Perfekteco en tradukado ne ekzistas. Se oni volas rigore scii, kion diris Fernando Pesoo, oni lernu la portugalan lingvon kaj oni multe studu beletron. La tradukoj estas provoj alirigi la tekstojn al homoj, kiuj ne regas la originajn lingvojn. Tamen, la tradukisto certas, ke ĉi tiu esperanta traduko estas multe pli bona ol la tradukoj faritaj en aliaj lingvoj, kiujn la tradukisto devas gvati fojfoje.





*João José Santos*

## *Rozalino*

Iam kaj iam nokte en verdaj literoj,
mi paradize flirtas tra fantomaj revoj,
inter lazuraj vortoj kaj enormaj mevoj,
dum vi enpace plu dormas en sonĝaj veroj.

En liton mi eniras malfrue... matene...
kaj viaj vortoj ĉiam estas mildaj,
kaj via zorgo estas ĉiam
pri sano mia, pri farto mia, pri ĝojo mia.

«Ho, mia Donkiĥoto!» - diras vi ridete -
«Ĉu multajn muelejojn vi batalis?»
Kaj mi ridas infanece.
Vi kredas min kaj miajn utopiojn vi fidas,
ĉar vi legas mian koron.

Senrezone vi akceptas min,
senriproĉe vi observas min,
senakuze vi komprenas min,
senpripense vi ricevas min.

Same kiel la maro akceptas la riveron,
same kiel la floro observas la abelon,
same kiel la Luno komprenas la homaron,
same kiel la grundo ricevas la pluvakvon.

Parfumas mia vin' pro via sublima pokalo,
navigas mia vivo pro via ĝentila mano,
ripozas mia kor' sur via delikata lano...
Ĉar estas Rozalino vi, estiĝas mi Rozalo.





***Gerrit Berveling***
trad. el la Latina



Karolo La Granda

# *Iom pri Paŭlino*

Paŭlino (aŭ Paŭleno) grave rolis kiel teologo, gramatikisto kaj poeto en la Karolida Renesanco, kiu fontis el la Kortego de Karolo la Granda.

Naskita en Friulo, li estis post edukiĝo en Cividale del Friuli ordinita pastro; poste ekgvidis la instruadon en Cividale. Li fariĝis fama pro sia scio pri Latina literaturo, teologio kaj juro. En 776 Karolo la Granda invitis lin al sia kortego en Aachen (Aĥeno).

Tie li amikiĝis kun i.a. Alkvino, Paŭlo Diakono, Teodulfo de Orleano.

En 776 Paŭlino fariĝis patriarĥo de Akvilejo. En tiu funkcio li partoprenis en la koncilio de Regensburgo, 794, kaj en la sinodo de Frankfurto.

En 798 kune kun dek aliaj episkopoj, li rolis kiel reĝa sendito de Karolo la Granda al la papo.

Vidu pli en: http://wikisource.org/wiki/Brevier-Himnoj

# *Feliĉa Romo* [1] [2]

## *de Paŭlino 2-a de Akvilejo*

Feliĉa Romo, kiun la valora sang'
de tiom da ĉefuloj vestis per purpur'!
Superas vi la brilon de la tuta mond'
ne propralaŭde, sed dank' al la sanktular',
kiun per sangavidaj glavoj murdis vi!

Do ambaŭ nun martiroj, vi en pleja glor',
vi sankta Petro, Paŭlo vi**,** lili' de l' mond',
herooj triumfantaj en ĉiela hal'**,**
per viaj preĝoj benaj vi protektu nin
de kiu ajn malbon', kaj supren levu nin!

Al Patro estu glor' tra senmezura temp',
al vi, ho Filo, pompo kaj regadopov',
honoro kaj potenco same al Spirit';
nedisigebla savo al la Triunu'
tra ĉiuj tempoj kaj eonoj, en etern".





1 Latina nomo: "O Roma felix". (GB)

2 Paŭlino 2-a de Akvilejo (latine "Paulinus de Aquileia", (ĉ. 730/740-802). (GB)



**Mao Zifu**

## Konfeso de abelo al floro

sen via aromo,
mi ne flugus kilometrojn
por viziti vin
spite al montaro kaj riveroj.

sen via belo,
mi ne vin karesus dum aŭtuno
por aprezi vin
spite al ĵaluzo de ventego.

sen via juneco,
mi ne kisus vin avide
nek suĉus la mielon el via pistilo
spite al envio de papiliaro.

inter vi kaj mi
amoro ne troviĝas.
vi kredas je sunlumo
sed mi servas al reĝino.

rilate al amo?
mi ne aŭdacas peti de vi koron
sed mi, antaŭ morto
flugos sub vin kaj fariĝos sterko.



Foto de Mao Zifu

## Pri Mao Zifu

Naskiĝis en 1963. Li estas ĉina esperantisto kaj Esperanto-verkisto, unu el la plej gravaj nuntempaj poetoj en Esperanto.

En julio 1984 li diplomitiĝis en la fakultato pri matematiko, en la Hunan'a Normala Universitato (1980-84). Septembre de la sama jaro li ekinstruis matematikon kaj komputikon en la teknika lernejo de la Changde'a Informoprojekta Lernejo. En 1985, dudek-du-jara, li paraliziĝis pro trafik-akcidento. De tiam li, sola ankoraŭ nun kaj eble por ĉiam, restas longan tempon en sia ĉambreto, instruante matematikon, komputikon kaj bazan anglan lingvon al lernejanoj por siaj vivteno kaj tempopasiĝo, kaj uzante Esperanton, kiun li eklernis en 1986. Li estas multjara kunlaboranto de la magazino Monato.

Maje de 1997 li posedis sian propran komputilon, sekve sin dediĉas ĉefe al desegnado de retpaĝoj privataj aŭ komercaj kaj al traktado de bildoj movaj aŭ senmovaj.

Por li, Esperanto restas pan' spirita.

### Premioj gajnitaj de Mao Zifu

1995 – premio Nova Talento, en la Belartaj Konkursoj de UEA
1997 – premio Grabowski
1999 – literatura premio de ĈEL

### Verkoj de Mao Zifu

**Prozo**
Novelo aperis en "Tempo fuĝas" (1995).
Eseo aperis en "Lingva arto" (1999).
Noveloj kaj ciklo en FONTO n-ro 280 (2004/4), en Speciala Numero.

**Poezio**
*Ŝanĝado* (1997, eld. La Kancerkliniko)
*Kantoj de Anteo* (2006, eld. Mondial)

**Tradukoj**
*La Espera Vojo*, verkita de Chen Haosu (2009, eld. Ĉina Fremdlingva Eldonejo)

Pli en: http://eo.wikipedia.org/wiki/Mao_Zifu


João José Santos kaj Ana Fragoso
(foto de La Karavelo)

# Ana Fragoso

## intervjuita de LK

**Filino de Estremozo, ŝi estis en feb. 2010 la ludamikino de la revuo *Playboy* en Portugalio.**

***João José Santos***

*La Karavelo* ofte noticas interesajn okazaĵojn pri la estremoza vivo. Ana Fragoso estas el Estremozo kaj ŝi prestiĝas sian urbon per la artisma reliefo, kiun ŝi havigas al si kiel amatora fotomodelo. Ŝi restis en la unuaj dek lokoj en sinprezentado por la revuo FHM en Portugalio, kie konkursis multaj kaj belaj inoj. Post tio, Ana estiĝis en februaro 2010 la ludamikino de la revuo *Playboy* en Portugalio. Tiu revunumero rapide elĉerpiĝis en la tuta urbo Estremozo. La du lokaj gazetoj, *Brados* kaj *Ecos*, noticis la okazaĵon. La unua per notico, la dua per intervjuo kun fotoj prenitaj en unu el la plej ŝikaj restoracioj de la urbo, *A Cadeia Quinhentista*, ĉe la kastelo.

Ni interkonatiĝis en unu el la kafejoj en la centro de la urbo, *Pastelaria Formosa*, post la interŝanĝo de retmesaĝoj, kiu preparis la intervjuon. El ĉi tiu juna brunbelulino montriĝas fortkaraktera, decidema kaj inteligenta homo, kiu ĝentile cedis siajn fotojn por ĉi tiu numero de *La Karavelo*.


Ana kaj la koramiko Pedro Borrego

Saluton, Ana! Plezure interkonatiĝi kun vi!

La plezuro estas mia.

Parolu pri vi mem. Kiu estas Ana Margarida Fragoso?

Mi naskiĝis en Estremozo antaŭ 20 jaroj, sed fakte kelkfoje mi ankoraŭ sentas min kvazaŭ infano, kiu sin balancas de arbo, kaj kiu ŝatas spekti animeojn. Mi kreskis en Estremozo, kie mi studis ĝis la eniro en la fakultaton.

Ĉirkaŭ la 13-jaraĝo, mi ekfrekventis la gimnastejon, ĉar tiam mi estis tro malgrasa. Do, mi ekhavis kelkajn formojn kaj mi ekŝatis la modon kaj la fotoarton. En tiu aĝo, mi frekventis ankaŭ kurson pri pozado. Tiam mi lernis defili. Tiel ĉio komenciĝis. Post ĉirkaŭ kvin jaroj, mi frekventis kurson pri instruado de fitneso [1] en Lisbono, preskaŭ samtempe kiam mi eniris la superan kurson pri Psikologio de la Sporto, en Rio Maior [2].

Mia personeco min dividas. Unuflanke mi estas enmimemiĝema kaj hontema, aliflanke mi kapablas min liberigi el tiu hontemo tiagrade, ke mi pozis nuda por *Playboy*. Ĉi tio ne ŝajnas vera, sed fakte ĝi veras. Mi sentas, ke mi estas tre komforta antaŭ la fotilo, kaj mi havas ian riĉecon en la korpa esprimado, kiu preterpasas la ordinaron. Mi forlasiĝas en kuntekstoj kaj situacioj defiantaj, en kiuj multaj homoj ne estus komfortaj. Tio ĉi okazas ne nur kiam oni fotas min, sed ankaŭ en la danco, en la ritmo, en la rigardado, en la rideto, en la forto kiu saturas mian ĉeeston, sed nur se mi ne estas devigata esprimi min per vortoj.

1 Fitneso: el la angla "fitness". (JJS)

2 Rio Maior: portugalia urbo, ĉ. 80km dista de Lisbono, kiu disvolvis kelkajn gravajn strukturojn por la sporto. (JJS)

Mi estas ordinara ino: mi studas, mi laboras, mi legas, mi tre ofte frekventas la gimnastejon, mi amindumas, mi atentas pri tio kio okazas en la mondo, kaj mi klopodas respekti la aliajn homojn.

Ĉu via koramiko reagas pozitive al via steleco kiel fotomodelo?

Li ĉiam reagis tre bone al ĉi tiuj miaj etaj laboroj, kaj li ĉiam estis la unua apoganta kaj stimulanta min. Li mem kontrolas kaj zorgas pri mia korpa ekzercado kaj pri mia bona fizika formo.


Simila al esperanta steleto

Ana, kiel oni sukcesas tian sveltan korpon?

Mi sukcesas ĝin per multe da laboro. Mi praktikas preskaŭ ĉian sporton. Mi iras al la gimnastejo ĉiutage, precipe por muskolado, ĉar ĝi estas la strebilo por korpo "svelta", kiel vi diras. Mi ne nomus ĝin svelta, sed korpo kun difinitaj formoj.

Mi ricevas grup-lecionojn pri ŝtup-irado, pri aerobiko, pri korpa lukto, mi kuras ĉiam kiam mi povas, kaj ekde la infanaĝo mi praktikas naĝadon. Mi faras ĉion eblan por plibonigi mian korpon, kaj kun plezuro.


Ana kun la kunulinoj en la karnavalo de 2010 en Estremozo

Ankaŭ pri manĝado mi tre atentas. Mi klopodas manĝi en ĉiun trian horon. Mi englutas tre malmulte da sukero, da salo kaj da graso. Mi ne trinkas alkoholaĵojn, kaj mi elektas manĝi pli da fiŝo kaj blankan viandon ol ruĝan viandon. Ankaŭ tre gravas, ke mi dormas la necesajn horojn, kiel mi ĉiam faras. Mi sekvas ĉi tian vivostilon, ne nur pro la korpa beleco, sed precipe por mia sano.

Mi jam komprenis, ke vi senpene restas for de la ŝafida viando, de la ruĝa vino kaj de la bongustaj desertoj de ĉi tiu bela regiono.

Kompreneble, jes. Sed ne pensu, ke tio estas memofero. Mi ne manĝas tiaĵojn, ĉar mi ne ŝatas ŝafidan viandon. La paska rito, en kiu oni buĉas la ŝafidon por ĝin manĝi, per si mem, min naŭzas. Vino, blanka aŭ ruĝa, ia ajn ĝi estu, ne plaĉas al mi. Mi ne trinkas alkoholaĵojn, nek manĝas desertojn.

De kiam mi estis infano, ĉiam ekzistis dolĉaĵoj en mia hejmo. Tamen, malkiel la aliaj infanoj, jam tiam mi tute ne manĝis dolĉaĵojn. La adoltoj miris pro tio. Oni rakontas al mi, ke kiam mi ekmanĝis solidaĵojn, mi preferis supon kaj tomat-salaton ol la kaĉojn ĝenerale manĝataj de la beboj. Do, kiel vi vidas, mi rezistas al ĉiuj tiuj "pekoj", tre simple ĉar mi ne ŝatas ilin.

Vi estas bonŝanca. Ie mi legis, ke via plej granda revo estas la feliĉo. Nu tion ĉiuj ni volas. Kio donus feliĉon al vi?

Mi ne bezonas multon por esti feliĉa. Mi ne havas ambiciojn materiajn, kiuj povus kompromiti mian feliĉon. Tiel kiel vi diras, mi volas kion ĉiuj volas: Amon. Pro ĝi, ni estas sur la Tero, kaj tiu koncepto enmetas ĉion necesan por esti feliĉa.

Tre baldaŭ, vi estos licenciito pri Psikologio de la Sporto. Ĉu vi laboros en psikologio?

Sincere, mi ŝatus. Finfine tiun kurson mi studas, kvankam pli interesas al mi la sporto ol la psikologio. Mi opinias, ke la psikologio de la sporto estas interesa, ĉar mi ekhavas kompetentojn por kompreni kio okazas en la menso de la sportistoj, kial ili agas iel, kaj kiujn ecojn ili devas havi por praktiki sporton. Mi laboras por tio, kaj mi esperas ke mi laboros en ĉi tiu fako, sed mi ne povas diveni kion la estonto gardas por mi.





Ĉu vi sukcesos akordigi vian agadon de fotomodelo kun tiu de sporta psikologo?

Jes, facile. La fotopozado estas unu el miaj pasioj. Tamen, oni ne povas diri, ke mi estus profesia fotomodelo. Tial tio ne okupas multan tempon el mia vivo. Nuntempe mi ankoraŭ ne estas psikologo, ĉar mi ankoraŭ ne finis la kurson. Mi esperas, ke baldaŭ mi laboros en tiu fako. Se iam mi faros kelkajn fotajn laborojn, mi klopodos akordigi tion kun mia profesio.

Ambaŭ ni scias, ĉar ni loĝas en Estremozo, ke ĉi tiu socia etoso estas iom fermita. Ĉu vi havas problemojn en Estremozo pro via apero nuda en la portugalia *Playboy*?



Mi havis neniun problemon, kvankam alvenis al mi klaĉoj pri komentoj kaj kritikoj, kelkaj pozitivaj kaj kelkaj negativaj. Tamen, pro tio ke nenio tia tuŝas min, mi eĉ ne deziris ekscii. Nu, estas bone, ke oni parolu pri ni. Se tio okazas, do oni atentas al mi, kaj mi ŝatas tion.



Pro tio, ke mi faris nenion, pri kio mi ne fieru, kaj mi vidas la nudajn fotojn kiel arton, mi opinias, ke estis nur pozitive por la estremozanoj la spektado de mia ekspozici-ado. Tiel la homoj kreskas kaj la mensoj ŝanĝiĝas.

Impresas min via karaktera forto kaj ankaŭ via volemo. Kaj kio pri viaj gepatroj, cetera familio kaj amikoj? Kiel ili vidas vian sukceson en la mondo de la fotopozado?

Kun estimo ili vidas tion. Mia patro amas la fotoarton, kaj li mem fotas min plej ofte. Mi memoras, ke kiam mi estis knabineto, sur la tabloj de mia hejmo videbliĝis la magazino *Photo*, en kiu aperis lindaj inoj, nudaj aŭ preskaŭ nudaj, sur la kovrilo. Tiam mi aŭdis, ke la ina korpo estas belega kaj fotinda. Do, mia patro apogis min, ĉar li pensas kiel mi, kvankam li ĉiam min avertis pri la aliaj flankoj trans ni. Ankaŭ mia patrino apogis min. Ili ĉiam estis ĉe mia flanko, kaj ili ĉiam estis en interakordo pri ĉio dirita al mi, kaj pri la apogo kiun mi ricevis de ili. Ili estas mirindaj.

La amikoj gratulis min kaj diris al mi, ke mi estis tre kuraĝa. Tio estis tre tre bona. Nenio maltrankviligis min, kaj mi scias, ke se mi revenus pasinten, mi agus ĝuste laŭ la sama maniero. Rilate la fotopozadon, ĉiuj instigas min, asertante ke mi havas talenton, ke mi havas ion specialan kaj ke tial mi devas plu pozi.

Estas tre bone ricevi tiun forton el la familianoj kaj el la amikoj. Mi ĝojas pro vi. Ĉu vi jam antaŭe estis aŭdinta ion pri la internacia lingvo esperanto?

Mi devas konfesi ke, foliumante unu el viaj revuoj, mi havis la unuan kontakton kun ĉi tiu lingvo, kvankam mi jam konis ĝian nomon. Mi scias, ke ĝi intencas estiĝi internacia lingvo, je simpla kaj facila uzo, por faciligi la komunikadon en la mondo.

Jes, tiu estas la celo de la esperantistoj, ke esperanto estu la dua lingvo de ĉiu popolo. Donu al ni vian opinion pri ĉi tiu ideo. Ĉu vi opinias, ke ĝi faciligus la bonajn rilatojn inter la atletoj de malsamaj lingvoj? Kaj en la kampo de la modo? Ĉu tio faciligus la internaciigon de la fotomodeloj?

Mi pensas, ke la ideo estas ĝentila kaj utila, kvankam mi ne klare vidas, ĉu estos eble disvastigi kaj uzi ĝin universale. Nuntempe la angla lingvo uzeblas tutmonde, kaj do ŝajnas al mi pli malfacile konkretigi la celon de esperanto. Mi pensas, ke kiam esperanto naskiĝis, ĝi pli sencis. Sed oni neniam scias, kiel evoluos ĉi tiu mondo, kaj kiu do estos la futuro de esperanto.



Se vi scipovus legi en esperanto, kiujn librojn plaĉus al vi legi?

La ideoj kaj la konceptoj ne ŝanĝiĝas laŭ la lingvo subtenanta ilin. Tial la lingvo en kiu iu libro estas skribita ne ŝanĝas sian esencon. Do, mi legus ĝuste la samajn librojn, kiujn mi legas nun. Mi precipe ŝatas kelkajn aŭtorojn, kiu surbazas siajn librojn sur la suspenso, kiel Dan Brown kaj Jean-Christophe Grangé.

Se iam vi riĉiĝos, permone ĉar pertalente vi jam estas riĉa, kiujn homamajn kaŭzojn vi subtenus?

Nuntempe Haition. Ĉio rilatanta la medion ankaŭ interesas al mi.

Mi proponas al vi imagitan ludon. Pli malfrue, je la sunsubiro, vi trapasas tie la ĝardenon kaj vi trovos , ĉe floraranĝo magian lampon. Scivoleme vi prenas la lampon, kaj subite eliras el ĝi geniulo simila al tiuj de *Mil kaj unu noktoj*. La geniulo koncedas al vi tri personajn dezirojn, tri ajnajn dezirojn, laŭ via plaĉo, kiujn li tuj realigos, petante nenion interŝanĝe. Kion vi petos al la lampa geniulo, Ana?

Se mi havus tian bonŝancon kaj povon, mi devus uzi ĝin laŭ ekvilibra kaj saĝa maniero. Mia unua deziro estus pluesti 30-jaraĝa dum mia tuta vivo, ĉar ŝajnas al mi ke tiu estas la perfekta aĝo. Mia dua deziro estus vivi en iu monda loko, kie la vetero estus eterne somera. Mia tria deziro estus akiri de la geniulo aliajn tri dezirojn.

